# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 03/12/2015 Ducentkvardeksesa eldono 08/12/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol 200,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 99. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La specialeco de vortkunmetaĵoj.

Mi plurfoje menciis, ke ĉe vortkunmetoj, ja aglutinaj, la nova signifo enhavas la signiferon “speciala”, nome ke la ĉefelemento estas speciala speco. Ekzemple “tablotuko” ne estas simple iu ajn tuko sur la tablo, sed speciala tuko speciale fabrikita aŭ regule uzata por esti sur tabloj. Tiu specialeco ĉeestas, kvankam ne ĉiam tre klare, ankaŭ ĉe la sufiksoj. Pro tiu specialeco la esprimoj “tabla tuko” kaj “tuko por la tablo” ne havas la saman signifon kiel “tablotuko”.

Jen ekzemplo el P.A.G. paragrafe 330: “’Belulo’ propre ne estas ‘bela ulo’. “Ulo” signifas ‘individuon karakterizatan de ……….’, do individuon sen speciala karaktero, personon malgravan, nekonsiderindan. Ĝi estas preskaŭ insulta vorto. ‘Bela ulo’ do estas senkarakterulo bela, dum ‘belulo’ estas personiĝo de belo. Same: ‘bela ulino’ kaj ‘belulino’”.

Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (ctrl+alklaku la veran ligilon)

★

Rainer Kurz gastloĝos la 26-an de Novembro ĝis la 8-a de Decembro 2015 matene.

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

**Sendu novaĵojn por la AE al** rspring@tpg.com.au;



Senpaga reklamo por via klubo kaj vi.
Unuigu la Esperantistojn de Aŭstralio kaj Novzelando.

---

**Mi pardonpetas.** La elsendo de AE246 estas malfrua, ĉar miaj interreto kaj telefonoj, malfunkciis. La riparisto venis Mardon solvi tiujn problemojn. Roger Springer

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

Venu 6an Decembro. Aferkunveno 11atm, Manĝo 1ptm, 2ptm programo.

**Zamenhofa Tago.** **Ĉiuj bonvenontaj. Dimanĉon, la 13an de Decembro , 2015.** 12:00 tagmeze ĝis la kvara

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio **C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001**

Dum la Estraro Skype kunveno ni diskutis aŭ decidis:

**2016 Kongreso en Bandung** –

- La muzikgrupo Asorti ofertis veni al Bandung kaj koncerti. Ni bonvenigos ilin sed ne finance subtenos ilin.
- La informoj pri la antaŭ kaj post kongresaj ekskursoj legeblos en la venonta ESK kaj la retpaĝo de AEA : aea.esperanto.org.au
- Ĝis nun 21 Esperantistoj de landoj aliaj ol Indonezio aliĝis al la kongreso.

**AGM**

- Nomumformularoj estis ricevitaj nur por la nuna estraro je la 19a de Novembro en nia poŝtkesto do ni ne okazigos baloton.

- Rezolucio por malpliigi la nombron de estraranoj al ses estos prezentita dum la jarkunveno.
- Ni baldaŭ sendos al AEA membroj la Jarraporton, Financraportojn, Tagordon kaj Protokolon de la antaŭa Jarkunveno

**ESK**

Nun estas provlegata kaj ni baldaŭ sendos al membroj.

**Libroservo**

Ni instigas partoprenantojn al la kongreso, kunporti librojn por aŭ vendi aŭ donaci.

**Asocio**

ASIC ankoraŭ petas pli da informoj antaŭ la fino de la transiro al Asocio. Heather kaj Jo vizitos ASIC por finaranĝi la aferon.

**Vojaĝanto**

Ni deziros al Jonathan bonan vojaĝon al Kanado. Li revenos en la mezo de Februaro.

Sandor Horvath, Jonathan Cooper, Indrani Beharry-Lall, Joanne Johns, Esther Parris, Heather Heldzingen

# Tajperaro




Kara amiko,

Mi kunsendas foton por via semajnrevuo: kiu trovas la tajperaron?

Amike via,

Andreo Lamers

Belgio

# Esperanto-ŝlosilo




**Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto.**

**http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo**

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★★★★★★

# Vizito al Broken Hill

Franciska Toubale.

Vojaĝi al Broken Hill ne estas nur moviĝi en spaco sed ankaŭ en tempo.



Fermu la okulojn kaj imagu la tempon kiam ĉio tio estis sub maro aŭ imagu aborigenon pacience gravurantan tiun emuon en la rokon



aŭ la ekscitadon kaj bruon kiam la grupo ŝmiris sian manon per okro por poste lasi

spuron sur la roko. Ĉiu aborigeno faris tion tri fojojn en sia vivo : kiel infano, kiel ensekretigito kaj kiel plenkreskulo. Nur tiuj , kiuj fariĝis famaj rajtis havi kvaran spuron. Ĉi tie videblas ne nur la mano sed ankaŭ parto de la brako tio signifas ke temas pri iu neordinara.



# 98a Datreveno!







"La membroj de la Melburna Esperanto klubo sendas siajn bondezirojn al Marcel

Leereveld okaze de lia 98a datreveno je la 4a de Decembro. Li daŭre vigle kaj entuziasme instruas kaj instigas nin plibonigi la nivelon de nia bela lingvo. Vivu longe Marcel kaj multajn gratulojn.





# Pri 3ZZZ radio



Aŭskultu la elsendon de la 30a de novembro kaj renkontiĝu kun nova, juna kunlaboranto, Matt Englezos kiu provas sciigi al la aŭskultantoj kiel li taksas la humuron kaj valorojn de la aŭstralianoj.

Franciska Toubale